Jaro V/IX. N-o 9 (57) Junio 1928




Monata Organo
de Sennacieca Asocio Tutmonda
FONDITA EN 1919

# LITERATURA SERIO

ENHAVO:



Redakcio: 14, Avenue de Corbéra, Paris, XII-e (Francio)
Administracio: R. Lerchner, Colmstr. 1, Leipzig O 27 (Germ.)

# REDAKCIA ANGULO

Tiu ĉi kajero estas redaktita en Parizo kaj konsistas el materialo, kiu estis sendata de la verkintoj kaj tradukintoj ne rekte al Moskvo, sekve pli malpli hazarde kuŝis ĉe la Redakcio de S e n n a c i u l o. Laŭ tio la kompilanto de tiu ĉi kajero nur povis ĉerpi el limigita parto da manuskriptoj, dum — kredeble — pli granda parto troviĝas en Moskvo ĉe la respondeca redaktoro (ĉu prilaborita, ĉu ne — tio estas ekster nia scio).

La Legantaro trovos en tiu ĉi kajero kelkan valoran materialon, kiu per la profundeco de l' esprimo mem prezentas la plej trafan kaj efikplenan p r o p a g a n d o n d e l a k l a s b a t a l a i d e o. Sed kiom diferenca ĝi manifestiĝas en la diversaj verkoj! Eble tiu, kiu havas la titolon P r o p a g a n d o kaj estas eltiraĵo el konata revolucia rakonto de V. Ivanov: Kirasvagonaro 14—69, plej malkaŝe kaj per plej simpla formulo elkristaligas tiun ideon. Ni travivas epizodon el la civilmilito en formiĝanta Sovetio, vidas, kiel simplaj kamparanoj, kiujn mem nur ektuŝis la lumo de l' juna venkinta Revolucio, demonstras al iu kaptita usonano per tre senartifika argumentado la neceson de l' klasbatalo kaj de l' proletara interfratiĝo. Nur lingvaj baroj limigas kaj malfaciligas tiun propagandon! — Evidente tute diferenca laŭ la formo, sed certe same forta laŭ la efiko per la bona elekto de l' rimedoj estas la rakonto de Morris, L e c i o n o d e r e ĝ o. Ĉu estas imagebla pli forta propagando de klasbatala ideo, ol se feŭda regnestro mem devas malkaŝe konfesi la absolutan maljustecon de reganta socia sistemo? Dokumento de potenca idea forto, pro sia aktualeco precipe nin tuŝanta senpere kaj funde, estas la L e t e r o e l b u l g a r a m a l l i b e r e j o, propagando de intelektulo per intelektaj-raciaj metodoj, per dialektiko, sed kiom konvinka en la fina efiko, kiam la aŭtoro vizias la teruran kripliĝon jam de estonta generacio pro proletsorta mizerego! El la karcera mallumo kondukas la vojo al lumo de libereco! K-dino Filippova sentis ĝin kaj versigis ĝin en sia poemo E n m a l l i b e r e j o, kaj K-do 5241 (mem ruĝarmeano) montras en emociaj versoj (L a r m o j n f o r g e s u, p a t r i n'!) vojon liberigan tra akraj bataloj kaj luktoj, suferoj kaj mortado...

La kajero finiĝas per skizo de A. FRANCE pri la virina karaktero, pri la rilatoj inter virino kaj kristanismo, kiu bone montras la mokeman verkmanieron de la fama franca aŭtoro.

N. B

# EN MALLIBEREJO

S. P. FILIPPOVA

*Nokt'. En karcer' estas akra malvarmo,*
*Laca de l' lampo brilad'.*
*Regas silent' super malliberejo,*
*Dormas la homoj post krad'.*

*Estas ja firmaj seruroj la pezaj,*
*Gardas karcerojn soldat';*
*Pordoj per fer' estas ĉirkaŭforĝitaj,*
*Ĉen' memorigas pri fat'.*

*Tamen katen' ne mortigos dezirojn,*
*Viva ja flagras esper',*
*Vivas eĉ homo en murda karcero,*
*Vivas soif' pri liber'.*

*Jen per segilo katenojn malvarmajn*
*Segas la malliberul',*
*Gajaj la pensoj, kantoj liberaj*
*Estas por li la stimul'.*

*Finis laboron li. — Falis kateno,*
*Staras li jam kun fier' . . . .*
*Paŝas li, preta la vivon fordoni*
*Por la brilanta liber' . . .*

*Certe eksaltis li sur la fenestron —*
*Brulas en koro la flam',*
*Li per la brust' fortan kradon ekpremos — —*
*Estas libera li jam!*

*Saltis malsupren li, falis, leviĝis,*
*Post li ektondris la paf' . . .*
*Malliberul' malproksime jam kuris,*
*Ne plu li estis nun sklav'!*



# LETERO EL LA MALLIBEREJO

DIMITRIJ K.

Kara amiko,

Mi skribas al vi kiel al malnova amiko. Malgraŭ la profundaj ideaj diferencoj, kiuj kuŝis inter ni, ni restis bonaj amikoj ĝis la lasta momento, kiam la cirkonstancoj disigis nin. Kaj ĉiun fojon, kiam mi ĵetas rigardon tra la fera krado, mi vidas la mondon, en kiu vi vivas, tiel diferenciĝanta de nia "domo de malvivuloj", loĝata per malserenaj ombroj; kaj mi rememoras pri vi, pri niaj senfinaj disputoj en sendormaj noktoj. Vi estis bona homo, sincere vi deziris vidi la mondon pli bona kaj pli justa. Sed la radikalaj teorioj por socia aliformigo kaj la revolucia taktiko terurigadis vin . . . De tiam multa tempo pasis. Disvolviĝis teruraj okazintaĵoj. Mi scias, ke nenio estas en stato por ekmovi la marĉan animon de nia filistro, sed tiuj okazintaĵoj ne povas trapasi tra unu maldorma konscienco, kiel la via, ne farantaj profundajn skuojn. Kaj mia tuta intereso kaŝiĝas en tio, ke mi eksciu kiajn novajn verojn malkovris por vi la lastaj sangaj tagoj.

Iam, mi memoras, ni disputis ankaŭ rilate la plej malsimplajn problemojn de la vivo. Kaj mi rememoras, kiel facile ni diradis niajn opiniojn pri ili. Ni opiniis, ke la vera vivo elmontriĝas en la senfinaj disputoj. Sed la vivo baldaŭ malkovris sian esencon: agado kaj senĉesa lukto. Kaj ĉiu, kiu forkuras el la cirklo de la agado kaj la lukto, li forkuras el la centro de la vivo kaj restas nura babilulo. La profunda esenco de la homo kaj la vivo elmontriĝas en la uragano de la lukto. La homo erarvagadas en la griza nebulo de la ĉiutaga vivo, marŝas rezigninte laŭ la fluo de la vivo, kaj ŝajnas al li, ke li konas sin, konas la ĉirkaŭantan medion, konas la vivon. Sed jen, aperas iu granda okazintaĵo, ekbrilas kiel fulmotondro kaj sub la disŝirita kurteno lumigas la profundaĵojn de la vivo kaj la homa animo. Kaj vidas tiam la homo, kiome li erarigadis sin, vidas la efektivan amplekson de la socia maljusteco, de la krueleco, de la malnobleco kaj eĉ de la abnegacio. Ĉar ĉiam, kiam la vivo de la homoj estas kaptita de ventegoj, el la profundaĵoj de la oceano-vivo leviĝas sur la supraĵo kiel la plej grandaj impulsoj, tiel ankaŭ la plej naŭzigaj kutimoj, kreitaj de unu malbona socia sistemo. Mi rememoras, ke vi estis fanatika defendanto de la "hodiaŭa tragediismo" kaj ofte citadis al mi Meterlink'on. Sed por mi nun estas klare, ke la pleja nobleco ĉe la homo elmontriĝas antaŭ la apero de teruraj travivaĵoj. Mi konis bonajn homojn, laŭaspekte flamaj kaj pretaj je ĉiuj oferoj, sed antaŭ la teruraj turmentoj kaj la morto ili faris malnoblaĵojn . . .

Mi ĉiam opiniis, ke la ĉefa eraro estas en la paliativa karaktero de viaj ideoj. Ne unufoje vi estas atakinta la ekstremajn postulojn de nia socia idealo. Revolucio! Kiel forte vi protestis kontraŭ la revoluciaj teorioj. Kaj, malgraŭ tio, Kamarado mia, la estonteco venos per revolucia vojo. Estas superflue rezoni, ĉu tio estas en kontraŭdiro kun niaj abstraktaj moralaj leĝoj. Grave estas konstati la iradon de la aferoj. Kaj ĝi estas klara: la riĉuloj neniam cedos memvole sian lokon de ekspluatantoj, sed ankaŭ la popoloj ne permesos esti eterne rabataj, murdataj kaj malsatantaj. Se la revolucio estas nedezirinda, tiam pri ĝi estas kulpaj la registaroj de la riĉuloj, kiuj haltigas la naturan evoluon de la socia vivo. Cetere, ne unu fojon mi estas defendinta antaŭ vi miajn sociajn konceptojn. Sed mi neniam malkovris al vi la unuajn realajn kaŭzojn, kiuj puŝis min en tiun vojon, aŭ pli prave, kiuj kreis ĉe mi kondiĉon akcepti ekstremajn teoriojn . . .

Eble vi estas vidinta ofte sur la trotuaroj de la bruaj stratoj tremantajn malgrandajn infanojn, forgesitajn de ĉiuj. Dum neĝo, dum pluvo, kiam ĉio tremas en frosta malsekeco, ili staras tie frostiĝintaj kaj etendas manojn por almozpeto. Etendas ili manojn renkontantaj konsenton en neniu koro. Ĉar la homoj, kaptitaj de siaj malgrandaj zorgoj kaj malnoblaj plezuroj, estas blindaj al la suferoj de la malsataj. Eĉ ankaŭ la membroj de viaj societoj por protekto de la bestoj preterpasas ilin kun la sama egalanimeco. Unu vesperon mi marŝis sur la strato sen ajna difinita celo. Faladis senbrue neĝo, kaj la neĝa mantelo kovradis malrapide la teron. Mi marŝis muta inter la rapidantaj sur la strato homoj. Iaj malhelaj pensoj turmentadis mian animon. Je unu angulo, en la sama momento, kiam eleganta dando faris belegan riverencon al la akompananta lin virino, mi vidis etendiĝintaj du petantajn manojn, bluaj kaj frostotremantaj. Mi ekrigardis la malfeliĉan infanon: en ties okuloj ludis la tuta terurego de la mizero. Ah, tiuj manoj kvazaŭ forŝiris mian koron. Kion mi faru? Nenion mi havis. Mi mem ne estis manĝinta tiun tagon. Kaj mi sentis malagrablajn pikojn en la stomako. Mi forpasis rapide, kaj kiam mi denove turniĝis, ili ankoraŭ restis etenditaj. Ia terura turmento ennajliĝis en mian koron. Mi marŝis sur la strato, kaj de ĉiuj flankoj, de ĉiuj anguloj etendiĝis al mi bluiĝintaj manoj, persekutis min, kuris post mi, mi rifuĝis tra aliaj stratoj, sed ili daŭre persekutis min. Mallonge poste mi atingis mian malvarman loĝejon, sed ankaŭ tie la etenditaj manoj ne lasis min trankvila, ili aperis el la muroj, el la anguloj de la ĉambro. Kaj kiam ekfajfis la nokta tempesto (ventego), mi aŭdis la alflugantajn de ĉiuj partoj de la tero malbenojn de mortantoj kaj malsatantoj. — Tiu tago estis decida vojturniĝo en mia vivo. En tiu tago mi vidis multajn aferojn, kiujn pli frue mi ne povis vidi.

Fine mi enfalis en la malliberejon. Kiel vi scias, tiu inventaĵo saĝula estas kreita por puno kaj rebonigo de la krimuloj. Kaj ne vane la nuntempa civilizacio fieras siavice per ĝi. Kaj pro kio ne fieri? Ĉu niaj profesoroj ne pruvis, ke nur aplikante la metodojn de la sankta inkvizicio oni povos savi la patrion? Eh, Kamarado mia, mi ne rakontados al vi, kia estis la juĝa tragikomedio, kiu trovis, ke ni estas grandaj krimuloj, kaj sendis nin en la malliberejon. Iam eble mi rakontos al vi tion, mi rakontos ankaŭ, kiel terure estas rigardi la senformigon de la homa menso sub la malhelaj arkaĵoj de la malliberejo, kiel terure estas aŭdi la frapojn de la martelo, kiu preparas la pendigilon . . .

Nune mia penso estas plene okupita per via mondo. Mi rigardas trans la krado, kaj antaŭ mi malkovriĝas la granda urbo, super kiu luliĝas diafana nebulo. Kio ne okazas nun en ĝi? Mi memoras, ekzemple, kiom da krimulaj fizionomioj promenadas tra ĝiaj bruaj stratoj en tiu momento. Viaj teatroj nun certe svarmas de vizitantoj kaj, kvazaŭ mi vidas, kiel iu trosatigita kaj grasa "estiminda civitano" ekdormas pro enuo en sia seĝo, kiel iu milda virino ploras pro emocio antaŭ la amaj malfeliĉoj de la herooj. Ĝenerale tie, ĉe vi, oni tre multe ploras. Kaj plej ridinde estas, ke ploras nome tiuj, kiuj tute ne ploremas. Ni prenu, ekzemple, viajn poetojn. Kial ili ploras? Pro siaj malgrandaj malĝojoj, pro siaj sensangaj, mistikaj sonĝaperoj, kiujn la senago kreas. Kaj plektas ĉiun tagon versojn de senesperaj larmoj kaj senforta ĝemado, prikantas la enuon kaj "la tagojn sen deziroj", kiam la tagoj de la granda batalo vokas nin en sia uragano. Mi esprimu min per la vortoj de unu literatura kritikisto, viaj poetoj staras antaŭ la vivo kiel asketo antaŭ virino. Unuj ploras pro tio, ĉar ili opinias siajn sensignifajn malĝojojn centro de la universo, aliaj — la modo estas, ke oni ploru, kiam skribas versojn, kaj triaj — simple ploras por akompano. — Pri la milda virino kaj la larmantaj poetoj mi ekpensis nur pro tio, ĉar ĉi tie estas absolute maleble vidi larmojn. Tiuj malserenaj, krudaj malliberuloj neniam ploras. Iliaj okuloj estas kvazaŭ sekiĝintaj fontoj. Kiomfoje mi estas ilin observinta, kiam ili promenadas tra la malhelaj koridoroj, kompatindaj kaj turmentitaj, sed vane mi serĉis trovi eĉ unu larmeton en iliaj okuloj. Ĉar nia "teatro" ne mildigas la animon. El la scenejo de nia teatro blovas glacia frosto, kaj kiam ekdormas la orkestro de la feraj ĉenoj, tiam la menso tremas sub la karesoj de tiuj glaciaj sonoj. Eh, Kamarado mia, vi ne estas vidinta tian teatron! Alproksimiĝas vespero, duonmallumo plenigas la longajn koridorojn, kaj la malliberuloj moviĝas silentaj, kiel ombroj, inter du vicoj de nigraj truoj-pordoj de la ĉeloj. Kaj mi demandas min, ĉu ne estas halucinacio tio, ĉu ne estas ia malbona sonĝo, — tiel malfacile estas ekkredi por la homo al tiu efektiveco . . .

# LARMOJN FORGESU, PATRIN'

Hunda el-ie boj'
Ĝemas en nokta silent'.
Marŝas je longa voj'
Nia malgranda taĉment'.
Fajfas vent' en orel',
Plenas okuloj je larm'...
Baldaŭ aperos jam cel',
Baldaŭ — ripozo kaj varm'.

Bela junul'-soldat'
Marŝi ne povas sen dorm' —
Peza pro longa marŝad'
Iĝis por li uniform'.
"Estro! Laciĝis ni,
Urĝas haltiĝo nun."
Pafoj subite kaj kri'
Sonas en nokta mallum' —

Dekstre... maldekstre... el-
post...
"Ve! Nin ĉirkaŭas la ĉen!"
Korpon tremigas frost',
Frua krepuskas maten'.

— — — — — — — — — —

Daŭris du horojn batal' —
Fine ekregis silent':
Kuŝis senviva en val'
Nia malgranda taĉment'.

Bela soldato-junul'
Kuŝis en brakoj de mort' —
Duonfermita okul'
Sunon rigardis sen vort'.

Kvazaŭ ĝi estis riproĉ'
Pri okazinta maljust'.
Li ja per lasta kartoĉ'
Sin memmortigis ĵus.

— — — — — — — — — —

Ie atendas patrin'
Filon al hejma pord' —
Vane atendas vi nin;
Nin ne redonos mort'.
Fil' ne revenos plu, —
Sciu, grizhara patrin':
En sangoplena lukt'
Li memmortigis sin.

Vin, ho maljunulin',
Trafis kutima sort':
Sendis riĉuloj lin
Veni al certa mort'.
Larmojn forgesu vi,
Iru al nia standard',
Kuru al strata pavim',
Staru ĉe barikad',

Prenu pafilon en man'
Por ke en lasta batal'
Mortu riĉula band',
Venku labora kal'!
Ia alia voj'
Nin ne venigos al cel' —
Venos libera ĝoj'
Nur per komuna ribel'! 5241

Sed sufiĉe. Tre turmentige estas rigardi trans la fera krado kaj rezoni super la monda maljusteco. Kaj ankaŭ la gardsoldato estas iom maltrankvila — certe sendos iun kuglon al la krado. Vespera mallumo malsupreniĝas senbrue super la urbon. Ankaŭ tiun nokton ekdormos sub la komuna tegmento de l' nokto unu apud alia la malsato kaj la lukso, ankaŭ tiun nokton festenos la "estimindaj civitanoj" malsobraj pro vino kaj plezuroj kaj dancos sub la ritmo de l' muziko. Kaj en la mallumo de l' nokto etendiĝas miloj da manoj — miloj da malbenoj venas de ĉiuj terpartoj... Sed, Kamarado mia, la homo devas esti blinda, por ke li ne povu vidi tra la nebulo de la sanga Hodiaŭ la aŭroron de la grandega Morgaŭ.

El la bulgara trad. STEBEK.

# LECIONO DE REĜO

WILLIAM MORRIS

Oni rakontas pri Matthias (Matias) Corvinus, reĝo de Hungario — la Alfredo la Granda de sia tempo kaj gento — ke li unufoje aŭdis (unufoje nur?), ke kelke (nur kelke, mia amiko?) da liaj kamparanoj estis trolaborigataj kaj malsufiĉe nutrataj. Do li alvokis sian Konsilantaron kaj venigis tien ankaŭ kelke da urbestroj de la indaj urboj, kaj kelke da landsinjoroj kaj iliaj intendantoj, kaj demandis ilin pri la vero de tio; kaj diversmaniere ili ĉiuj rakontis unu kaj saman rakonton, kiel kamparanoj estas fortaj kaj bone kapablaj por labori kaj havas sufiĉe por ŝpari nutraĵon kaj trinkaĵon, sekve ili estas nur malkontentuloj; kaj kiel se ili ne laborus tiel forte kiel nun, estus malbone por ili kaj malbone por iliaj sinjoroj; ĉar ju pli la malkontentulo havas, des pli li postulas; kaj ke kiam li ekkonas abundecon, li ekkonas ankaŭ la mankon de ĝi, kiel okazis ĉe niaj gepatroj en la Ĝardeno de Dio. La reĝo sidis kaj diris nur malmulte, dum ili parolis, sed li dubis ke ili estis verdiremaj. Tiel la Konsilantaro disiĝis nenion farinte; sed la reĝo estis kortuŝita pri la afero, ĉar li estis, kiel kutimas ĉe reĝoj, justulo, krom tio pli brava ol estis la plejmulto el ili, eĉ en la feŭda tempo. Do en la daŭro de du aŭ tri tagoj, diras la rakonto, li kunvenigis tiajn sinjorojn, kiajn li opiniis plej taŭgaj, kaj ordonis al ili sin prepari por rajdo; kaj kiam ili estis pretaj, li kun ili ekrajdis, sur glataĵo kaj malglataĵo, lukse ornamita per vestaĵoj konvenaj en tiuj tagoj. Tiel ili rajdis ĝis alveno al iu vilaĝo de la kamparana popolo, kaj tra ĝi al la vinberejoj, kie homoj estis laborantaj sur la sunaj suddeklivoj, kiuj supreniĝis de la rivero: mia rakonto ne diras ĉu estis Tiszao, aŭ Danubo, aŭ kiu rivero. Nu, mi taksas, estis malfrua printempo aŭ frua somero, kaj la vinberujoj apenaŭ komencis montri siajn berojn; ĉar la vinrikolto estas malfrua en tiuj landoj, kaj iuj el la vinberoj ne estas deŝirataj, ĝis la unuaj frostoj estas tuŝintaj ilin, per kio la vino farita el ili, estas des pli forta kaj dolĉa. Iuokaze tie troviĝis la kamparanoj, viroj kaj virinoj, knaboj kaj knabinoj, laboregante per ĉiuj fortoj; kelkaj hakante inter la vinberujvicoj, kelkaj portante korbojn da sterko super la krutajn deklivojn, kelkaj tiel, kelkaj aliel, laborante pro la frukto, kiun ili neniam manĝus, kaj la vino, kiun ili neniam trinkus. Tien



direktis sin la reĝo, elseliĝis kaj komencis suprengrimpi la ŝtonajn krutaĵojn de la vinberejo, kaj lia sekvantaro samtiele postiris lin, mirante ĉe si, kio okazus; sed al tiu, kiu sekvis lin plej proksime, li turniĝis kaj diris kun rideto: "Jes, sinjoroj, tio estas nova ludo, kiun ni ludas hodiaŭ, kaj nova scio rezultos el ĝi." Kaj tiu sinjoro ridetis, sed iom acide.

Koncerne al la kamparanoj, granda estis ilia timo pro tiuj gajaj kaj orumitaj sinjoroj. Mi taksas, ke ili ne konis la reĝon, ĉar ne estas verŝajne, ke iuj el ili vidis lian vizaĝon: kaj ili sciis pri li nur kiel pri la Granda Patro, la potenca militanto kiu detenis la "turkon" prirabadi ilian vilaĝon. Kvankam, fakte, malmulte gravis al iu ajn tie, ĉu turko aŭ magjaro estis ilia regnestro, ĉar al unu mastro aŭ alia ili devis pagi la ŝuldatan plennombron da laboraj tagoj dum la jaro, kaj malfacile ili gajnis la vivrimedojn dum la tagoj, kiam ili laboris por si kaj siaj edzinoj kaj infanoj.

Nu, eble ili ne konis la reĝon; sed inter tiuj riĉaj sinjoroj ili vidis kaj ekkonis sian propran mastron, kaj antaŭ li ili havis grandan timon. Sed senutila estus por ili forkuri de tiuj fortaj homoj kaj fortaj ĉevaloj — por ili, kiuj laboregis jam de antaŭ leviĝo de la suno, kaj nun mankis iom pli ol horo ĝis tagmezo. Krom tio, kun la reĝo kaj sinjoroj venis gvardio de arbalestistoj, kiujn oni lasis sur la alia flanko de la vinbereja muro, — akreokulaj italoj de la montaro, paflertuloj per la sago. Do la kompatinda popolo ne forkuris; ne, ili ŝajnigis, kvazaŭ ĉio tio ne estas ilia afero, kaj daŭrigis sian laboron. Ĉar ja ĉiu diris al si: "Se mi estos unu el tiuj, kiuj ne estos mortigataj, morgaŭ mi malhavos panon, se mi hodiaŭ ne laboras per ĉiuj fortoj; kaj eble mi estos ĉefo, se iuj el ĉi tiuj estos mortigataj kaj mi postvivos."

Nun venas la reĝo al ili kaj diras: "Bonuloj, kiu el vi estas la ĉefo?"

Parolis homo, fortika kaj sunbrunigita, multjara kaj griziĝanta: "Mi estas la ĉefo, sinjoro."

"Donu do al mi vian karston[1])", diras la reĝo; "ĉar nun mi mem ordonos ĉi aferon, ja tiuj sinjoroj deziras novan ludon, kaj estas agrable labori sub mia gvido en vinberkulturo. Sed vi staru apud mi kaj korektu min, se mi ordonas al ili malĝuste; sed la ceteraj el vi iru ludi!"

La kampisto ne sciis, kion pensi, kaj lasis la reĝon kun etendita mano, dum li suspekte rigardis al sia propra sinjoro kaj barono, kiu kapskuis al li severe, kvazaŭ dirante: "Faru tion, hundo!"

Tiam la kampisto donas la karston en la manon de la reĝo; kaj la reĝo komencas kaj ordonas al siaj sinjoroj labori en vinberkulturo, al ĉiu laŭ sia porcio da laboro. Kaj kelkfoje la kampisto

[1]) Speciala hakilo (dupinta), uzata en vinberejoj.

aŭ jesis aŭ neis pri lia ordono. Kaj tiam vi estus vidintaj velurajn ĉapetojn demetitajn, kaj mantelojn de delikata flamanda skarlato, kuŝantajn sur la polvoplena tero; kiam la sinjoroj kaj kavaliroj sin preparis por la laboro.

Do ili komencis, kaj al la plejmulto el ili ŝajnis bona amuzo, ludi en vinberkulturo. Sed estis unu, kiu, formetinte sian skarlatan mantelon prezentiĝis en jako de belega persa teksaĵo el oro kaj silko, tia kian homoj nun ne faras, valora centon da florenoj po unu Bremena ulno. Al li la reĝo sen ia rideto sur sia vizaĝo donis la taskon, tien kaj reen iri la monteton kun la plej granda kaj la plej malforta sterkkorbo, kiu estis; kaj pro tio la silka sinjoro tordis ridetaĉon, kian vidi estis amuza, kaj ĉiuj sinjoroj ridis; kaj dum li deturniĝis, li diris, — tamen tiel, ke neniu lin aŭdis: "Ĉu mi servas tiun ĉi filon de publikulina filo, ke li ordonu al mi porti sterkon?" Ĉar vi devas scii, ke la patro de la reĝo, John Hunjad, unu el la grandaj militantoj de la mondo, la Martelo de la Turkoj, naskiĝis eksteredze, kvankam li estis filo de reĝo.

Nu, ili brave daŭrigis la laboron kelkan tempon, kaj laŭta estis la ridado dum la karstoj alfrapis la teron kaj la silikoj tintis kaj nubo de polvo leviĝis; la brokatvestita sterkportisto iris tien kaj reen, malbenante kaj blasfemante je la Blanka Dio kaj la Nigra; kaj unu diris al alia: "Vi vidas kiel sinjora sango superas la malkontentulan sangon, eĉ kiam la sinjoro faras la laboron de malkontentulo: tiuj ĉi mallaboremuloj faris nur unu baton kontraŭ niaj tri." Sed la reĝo, kiu laboris ne pli malbone ol iu, neniel ridis; kaj dume la kompatinda popolo restis proksime, ne kuraĝante paroli vorton unu al la alia; ĉar ili ankoraŭ estis timaj, nun ne pro surloka mortiĝo, sed pliĝuste, ĉar jeno estis en iliaj koroj: "Tiuj ĉi grandaj kaj fortaj sinjoroj kaj kavaliroj estas venintaj, por vidi, kian laboron homo povas fari ne mortaĉante: se oni aldonos ankoraŭ pli da labortagoj por niaj sinjoroj, tiam ni estas ruinigitaj sen rebonigo." Kaj interne iliaj koroj sentis sin svenemaj.

Tiel daŭris la laboro; kaj la suno leviĝis ankoraŭ pli alte en la ĉielo, kaj estis tagmezo kaj plu. Kaj nun ne plu estis ridado inter tiuj laboregantaj sinjoroj, kaj la batoj de la karsto kaj pioĉo multe malrapidiĝis, dum la sterkportisto sidiĝis malsupre de la monteto kaj elrigardis sur la riveron. Sed la reĝo obstine ankoraŭ konstante laboris; do pro honto la aliaj sinjoroj daŭrigis. Ĝis fine la homo plej proksima al la reĝo faligis sian karston kun klakado kaj fortege blasfemis. Nun li estis potenca, nigrobarba homo en la plej alta forto de l' vivo, brava kapitano de tiu fama Nigra Bando, kiu tiom ofte estis disŝirinta la Turkan aregon; kaj la reĝo amis lin pro lia fortika braveco. Do li diras al li: "Ĉu io malboniĝis, kapitano?"

"Ne, sinjoro," diras tiu, "demandu jen la kampiston, kio nin ĝenas."

"Ĉefo," diras la reĝo, "kio ĝenas tiujn ĉi fortajn kavalirojn? Ĉu mi malĝuste ordonis al ili?"

"Ne, sed la evitado ĝenas ilin, sinjoro," li diras, "ĉar ili estas lacegaj; kaj nenia miro, ĉar ili forte estis ludantaj; kaj ili estas de sinjora sango."

"Ĉu estas tiel, sinjoro," diras la reĝo, "kaj jam vi estas laca?"

Tiam la ceteraj mallevis siajn kapojn kaj nenion diris, kun escepto de la militkapitano: kaj li diris, ĉar li estis kuraĝulo kaj ne mensogema: "Reĝo, mi vidas, kion vi celas; vi venigis nin tien ĉi, por diri predikon por ni kiel tiun de via Platono; kaj por diri la veron, por ke mi ne plu laboru, kaj iru tagmanĝi, nun prediku vian plej malbonan! Ne, se vi estos pastro, mi estos via diakono. Ĉu vi permesas, ke mi ion demandu tiun ĉi laboran kampiston?"

"Jes", diris la reĝo. Kaj aperis, kvazaŭ, nubo de penso sur lia vizaĝo.

Tiam la kapitano disstarigis siajn krurojn, kaj aspektis granda, kaj diris al la kampisto: "Bonulo, kiom longe ni estas laborintaj ĉi tie?"

"Du horojn proksimume, se mi taksas laŭ la suno super ni", li diras.

"Kaj kiom da via laboro ni estas farintaj dum tiu tempo?" diras la kapitano, kaj palpebrumas per unu okulo al li.

"Sinjoro," diras la kampisto, iom ridetaĉante en si, "ne koleriĝu pro mia parolo. Dum la unua duonhoro vi faris kvardek-kvin-minutan laboron da nia, kaj dum la sekvanta duonhoro apenaŭ tridek-minutan laboron, kaj la trian duonhoron — dekkvin-minutan laboron, kaj dum la kvara duonhoro du-minutan laboron." La rid-etaĉo nun malaperis de lia vizaĝo, sed brilo estiĝis en liaj okuloj, dum li diris: "Kaj nun, kiel mi supozas, via taga laboro estas plen-umita, kaj vi iros al via tagmanĝo, kaj manĝos la dolĉan kaj trinkos la fortan; kaj ni manĝos iom da sekala pano kaj tiam la-borados ĉi tie ĝis post la sunsubiro kaj ĝis la luno komencis ĵeti ombron. Nun pri vi, mi ne scias, kiel vi dormos nek kie, nek kiun blankulinon vi ĉirkaŭprenos, dum la nokto pasas kaj la steloj brilas; sed pri ni, dum ankoraŭ brilas la steloj, ni refoje ĉeestos la laboron, kaj rememoru vi, por kio! Mi ne scias, kian ludon vi elpensos por la morgaŭa tago, dum vi rerajdas hejmen; sed por ni, kiam ni revenos ĉi tie morgaŭ, estos, kvazaŭ ne estis hieraŭo kaj nenio farita dume, kaj la laboro de tiu hodiaŭo estos nenio por ni ankaŭ, ĉar per tio ni gajnos nenian ripozon de nia laborego, kaj la morgaŭo de l' morgaŭo estos por denove rekomenci, kaj tiel plu kaj plu, ĝis nenia morgaŭo restos al ni. Tial, se vi pensas meti ian novan imposton sur nin, pensu dufoje pri tio, ĉar ni ne povus el-

porti tion. Kaj ĉion ĉi mi diras kun des malpli da timo, ĉar mi rimarkas, ke tiu homo apud mi, en la nigra velura jaketo kaj la ora ĉeno ĉirkaŭ sia kolo, estas la reĝo; mi ja ne kredas, ke li mortigos min pro mia parolo, ĉar li havas tiom multe da turkoj antaŭ si kaj sia potenca glavo!"

Tiam diris la kapitano: "Ĉu mi frapegu la homon, ho reĝo? Aŭ ĉu li eldiris vian predikon por vi?"

"Ne frapegu, ĉar li estas predikinta ĝin", diris la reĝo. "Aŭskultu al la prediko de la kampisto, miaj sinjoroj kaj konsilantoj! Tamen, kiam aliulo estas elparolinta nian penson, aliaj pensoj naskiĝas de tio, kaj nun mi devus fari alian predikon; sed mi min detenos nuntempe. Ni malsupreniru kaj al nia tagmanĝo."

Do ili iris, la reĝo kaj liaj sinjoroj, kaj sidiĝis apud la rivero sub la susurantaj poploj, kaj ili manĝis kaj trinkis kaj estis gajaj. Kaj la reĝo ordonis alporti la disrompiĝintan nutraĵon al la vinberej-laboristoj, kaj sufiĉan trinkon da pafarkista vino, kaj al la ĉefo li donacis larĝan orpecon, kaj al ĉiu kamparano tri arĝentajn pencojn. Sed kiam la malriĉa popolo havis ĉion tion sub siaj manoj, ŝajnis al ili, kvazaŭ ĉiela regno malsupreniĝis sur teron.

En vespera malvarmeto hejmen rajdis la reĝo kaj liaj sinjoroj. La reĝo estis maltrankvila kaj silenta; sed fine la kapitano, kiu rajdis apud li, diris al li: "Prediku nun al mi vian post-predikon, ho reĝo!"

"Mi pensas, vi ĝin jam scias," diris la reĝo, "aliel vi ne estus parolinta tiamaniere al la kampisto; sed diru al mi, kia estas via metio kaj la metio de ĉiuj tiuj; per kio vi vivas, kiel la potisto per la farado de potoj, kaj tiel plu?"

Diris la kapitano: "Kiel la potisto vivas per la farado de potoj, tiel ni vivas per la prirabado de la malriĉularo."

Refoje diris la reĝo: "Kaj mia metio?"

Li diris: "Via metio estas, esti reĝo de tiaj ŝtelistoj, tamen ne pli malbona ol la ceteraj."

La reĝo ridis.

"Memoru tion," li diris, "kaj tiam mi diros al vi miajn pensojn, dum tiu kampisto parolis. 'Kampisto,' mi pensis, 'se mi estus vi aŭ tiaspeca kiel vi, tiam mi prenus en mia mano glavon aŭ lancon, aŭ se ĝi nur estus paliso, kaj invitus aliajn fari tion saman, kaj antaŭen ni irus; kaj ĉar ni estus tiom multe, kaj nenion por malgajni havus krom mizeran vivon, ni ekbatalus kaj venkus, kaj finus la metion de reĝoj kaj de sinjoroj kaj de procentegistoj, kaj estus nur unu metio en la mondo, nome, labori gaje por ni mem kaj vivi gaje per tio'."

La kapitano diris: " Jen do via prediko! Kiu atentos tion, se vi ĝin predikus?"

# PROPAGANDO

Fragmento el la novelo de VSEVOLOD IVANOV
"Kirasa vagonaro n-o 14—69"

Kiam Kolĉak furiozis en Siberio, helpata de japanoj, usonanoj, ĉeĥoslovakoj, kaj aliaj intervenintoj, Laboristoj kaj Kamparanoj organizis kontraŭ li neregulajn partizan-taĉmentojn. Jen unu el tiuj taĉmentoj, kun la ĉefo Verŝinin kaj kasisto Okorok, — taĉmento konsistanta precipe el kamparanoj ("muĵikoj"), — funkcias en la regiono, kie la kirasa vagonaro de blankuloj kaŭzas multajn malutilojn al laboruloj. Dum unu el haltoj de l' taĉmento subite oni alkondukas militkaptitan usonan soldaton.

Tri muĵikoj kun pafiloj aperis en la strateto.

Meze inter ili, iom lametanta, vestita en somera flanela uniformo, iris usona soldato.

Lia vizaĝo estis razita, juna. Timeme tremis liaj malkovritaj dentoj, kaj dekstravange, ĉe l' vangosto konvulsiis muskolo...

La muĵikoj amasiĝis.

Ekodoris al la usonano je tabako kaj fortodora muĵika sekalpano.

De l' korpoj dense interpremiĝintaj estis eliranta kapturniga varmo, kaj leviĝadis de piedoj ĝis kapo seka, tremiga kolero.

La muĵikoj ekkriegis.

— Kion do?...

— Mortpafi lin!...

— Batu lin!...

— Mortfini!...

— Kaj nenion plu!...

La usona soldato iomete fleksiĝis kaj entiris timeme la kapon inter la ŝultrojn, kaj pro tiu gesto ankoraŭ pli forte la kolero superondis la korpojn.

— Jen ili bruligas!...

— Aperis ili! Disponas kvazaŭ en sia hejmo!...

— Jen invadis!...

— Ĉu oni ilin invitis!...

---

La reĝo diris: "Ili, kiuj prenos la frenezan reĝon kaj metos lin en frenezulejon por reĝo. Tial mi min detenas, ĝin prediki. Tamen ĝi **estos** predikata."

"Kaj ne atentata," diris la kapitano, "kun escepto de tiuj, kiuj senkapigas kaj pendigas la prezentantojn de novaj ideoj, kiuj estas bonaj por la mondo. Nia metio estas sekura dum la daŭro de multaj kaj multaj generacioj."

Kaj per tio ili venis al la palaco de la reĝo, kaj ili manĝis kaj trinkis kaj dormis, kaj la mondo daŭrigis sian iradon.

El la angla lingvo tradukis MATERIERO.

Iu ekpepegis per penetranta voĉo:

— Ba-atu!...

Ĉi-minute Pentefli Znobov, laborinta antaŭe en la dokoj de Vladivostok, grimpis sur la ĉaron, kaj kvazaŭ montrante ion perditan, ekkriis:

— Atendu!...

Kaj aldonis:

— Kamaradoj!...

La partizanoj ekrigardis liajn hirtajn, kiel vulpa vosto, lip-harojn kaj eksilentis:

— Mortigi oni ĉiam povas!... Tre simple. Malgrava afero estas murdi. Jen kiom da ili kuŝaĉas sur la strato. Sed, mia opinio, Kamaradoj — ni lin pripropagandu — kaj liberigu.

Li flaru nian veron. Jen kiel mi pensas!...

Subite la muĵikoj dense, kiel milion el sako, elŝutis ridegojn:

— Ho — ho — ho!...

— Provu, Penĉjo!...

— Encerbigu al li!...

— Ja ankaŭ li estas homo...

— Eĉ sur ŝtono oni povas elbori!

— Agu do!!

La usona soldato, ĉirkaŭrigardante la harozajn ruĝebronzajn muĵikajn vizaĝojn, aŭskultis nekompreneblan paroladon kaj ĝentile ĉifis en la rideto sian razitan vizaĝon.

La muĵikoj ekscitite iris ĉirkaŭ li, transmovis lin en la amaso, kiel folion sur akvo; ili kriis al li laŭte kvazaŭ al surdulo.

La usonano, palpebrumante ofte, kvazaŭ pro fumo, levante supren la kapon, ridetis, sed nenion komprenis.

Okorok ekkriis al la usonano plenvoĉe:

— Ci klarigu al ili... Detale... ke ne bone estas...

— Pro kio al ni malhelpi!

— Oni igas iri kontraŭ sian fraton!

Verŝinin diris firme:

— Estas ja bonaj homoj, ili devas kompreni. La samaj kamparanoj vi estas kiel ni: vi plugas ekzemple ktp....

Znobov peze balanciĝis antaŭ la usonano, kaj glatigante la lipharojn li diris:

— Ni ne faras rabon, ni aranĝas ordon. Ĉe vi, eble, oni ne scias tion trans la maro, malproksime...

La voĉoj plifortiĝis, densiĝis.

La usonano turniĝis senhelpe kaj eldiris:

I don't understand[1])!

Subite eksilentis la muĵikoj.

Vaska Okorok diris:

— Ne komprenas li. Jen li ruse ne scipovas, kompatindulo.

La muĵikoj iris for de l' usonano.

Verŝinin sin sentis konfuzita...

— Jen sufero, suferego, — li diris sopire.

---

[1]) Legu: aj dont anderstend (mi ne komprenas).

Vasjka Okorok proponis apatie:

— Ĉu eble ian libron al li doni? Ĉiuj trovitaj libroj estis ruslingvaj.

— Por kio ili taŭgas, diris Znobov, — se ilustritaj ili estus...

Avdotja iris antaŭen, al la ĉaroj, starantaj ĉe l' paŝtejo; ŝi longe traserĉis kofrojn kaj fine alportis eluzitan, kun forŝiritaj paĝanguloj, lernolibron de religio por vilaĝaj lernejoj.

— Eble, laŭ la religia libro? — ŝi demandis.

Znobov malfermis la libron kaj diris embarase:

— Do la bildoj estas pridiaj! Ni lin ne alibaptu. Popoj ni ne estas!

— Ci tamen provu, — proponis Vasjka.

— Sed kiel, li ja ne komprenos!

— Povas esti ke li komprenos. Agu!

Znobov alvokis la usonanon.

— He Kamarado, venu ĉi-tien.

La usonano alvenis.

La muĵikoj ree kuniĝis, ree odorspiris je pano, je tabako.

— Lenin, — diris forte kaj laŭte Znobov, kaj iel senintence, kvazaŭ erarpaŝinte, ekridetis.

La usonano ektremis per la tuta korpo, ekbrilis liaj okuloj, kaj li respondis ĝoje:

— There's a chap[1])!

Znobov pugnofrapis sian bruston kaj, frapetante per la manplato muĵikojn je dorsoj kaj ŝultroj, ial en fuŝita lingvo ii ekkriis:

— Saveta Respubliko!

La usonano etendis la manojn al la muĵikoj, liaj vangoj ekkonvulsiis, kaj li entuziasme ekkriis:

— What is pretty indeed[2]).

La muĵikoj ekridegis ĝoje.

— Li komprenas.

— Kaj Penĉjo ja, Penĉjo — li usonlingvas!

— Ci insultu bone iliajn burĝaĉojn, Penĉjo!

Znobov rapideme malfermis la religian lernolibron kaj, puŝmontrante per fingroj la bildon, kie Abrahamo estis oferbuĉonta Isaakon, kaj supre en nuboj pendis dio, komencis klarigi:

— Jen tiu ĉi kun la tranĉilo — estas burĝaĉo. Jen li antaŭenŝovis la ventregon, — mankas nur horloĝo kun ĉeneto. Kaj tie ĉi sur la lignaro kuŝas la Proletaro, — ĉu ci komprenis? Pro-le-ta-ro.

La usonano montris permane sian bruston, kaj balbutante malrapide kaj ĝoje, elparolis fiere:

— Pro-le-ta-ro — we[3])!

La muĵikoj ĉirkaŭprenadis la usonanon, palpis lian veston kaj plenforte premis liajn manojn, ŝultrojn.

Vasjka Okorok, kaptinte lian kapon kaj enrigardante la okulojn, entuziasme kriis:

— Bubo, ci diru ti-ie... Trans la maroj do...

---

1) Legu: Zejr'z e ĉep (jen estas bravulo).
2) Legu: Hŭot is pritti indid (estas belege).
3) We (legu: ŭi) ni.

— Sufiĉe ci, ventumilo, — parolis ameme Verŝinin.

Znobov daŭrigis:

— Kuŝas ĝi — la Proletaro — sur lignaro, kaj la burĝaĉo ĝin buĉas. Kaj sur la nuboj, jen japano, usonano, brito, — la tuta ĉi-imperialismo sidas...

La usonano forŝiris la ĉapon de sur la kapo kaj ekkriegis:

— Imperialismo! Away[1])!

Znobov furioze ĵetegis sian ĉapon surteren.

— Imperialismon kun fiburĝaro — al diabloj!

Sin-Bin-U[2]) alsaltis al la usonano kaj ekparolis rapideme:

— Rusa resipubiliko-o[3]). Ĉina resipubiliko-o. Usona Resipubiliko-o, puĥao[4]). Niponsi puĥao, devas resipubiliko-o. Ruĝa resipubiliko, devas devas...

Kaj ĉirkaŭrigardinte li leviĝis sur la piedfingroj kaj, malrapide suprenlevante la grandfingron de l' mano, li diris:

— Ŝango[5])!

Verŝinin ordonis:

— Necesas lin manĝigi kaj poste konduki al la vojo kaj liberigi.

La maljunulo-akompananto demandis:

— Ĉu superligi al li la okulojn, dum ni lin kondukos? Ĉu li neniun al ni direktos?

La muĵikoj decidis:

— Estas malnecese, li ne perfidos.

Elrusigis 5221.



---

[1]) Away (legu: eŭej) — for.

[2]) Sin-Bin-U, ĉino, partopreninta kun la partizanoj la lukton kontraŭ blankuloj.

[3]) La ĉinoj malfacile prononcas apudajn konsonantojn.

[4]) Puĥao — necesas.

[5]) Ŝango — bone.

# LA VIRINOJ PRI KRISTANISMO

ANATOLE FRANCE

La kristanismo multon faris favore por la amo, ĝin konsiderante kiel pekon. Ĝi disigas la virinon de la pastraro. Ŝin ĝi timas. Ĝi instruas, kiom ŝi estas danĝera. Ĝi ripetas kun la ekleziulo: "La brakoj de la virino similas al la retoj de la ĉasistoj, *laqueus venatorum*." Ĝi avertas nin, ke ni ne bazu sur ĝin nian esperon: "Vin ne apogu kontraŭ kano, formovetata de la vento, kaj tie ne bazu vian fidon, ĉar ĉia korpaĵo similas al herbo, kaj ĝia gloro pasas, kiel la kampaj floroj." Ĝi timas la ruzojn de tiu, kiu kondukis la homaron al la infero: "Iu ajn malico estas malgrava, kompare kun la malico de la virino. *Brevis omnis malitia super malitiam mulieris*." Sed, pro la timo, kiun ĝi montras kontraŭ ŝi, ĝi igas ŝin potenca kaj timinda.

Por kompreni la tutan sencon de tiuj maksimoj, necesas ofte interrilatiĝi kun mistikuloj. Estas necese, esti pasiginta siajn infanjarojn en religia atmosfero. Oni devas, esti sekvinta vesperajn preĝadojn, observinta kultajn kutimojn. Necesas esti leginta en aĝo de dekdu jaroj tiujn edifajn libretojn, kiuj malkovras la supernaturan mondon al la naivaj animoj. Estas necese, scii rakonton pri Sankta Francisko de Borgia, mediteme rigardanta la malfermitan ĉerkon de la reĝino Izabelo, aŭ ankoraŭ la rakonton pri vizio de abatino de Vermont antaŭ ŝiaj filinoj. Tiu ĉi abatino mortis tute sanktege, kaj la monaĥinoj, kiuj estis partoprenintaj ŝiajn anĝelajn laborojn, kredantaj, ke ŝi estas en la ĉielo, alvokis ŝin dum siaj preĝoj. Sed iam ŝi ekaperis al ili, pala, kun flamoj alkroĉitaj al ŝia robo: "Preĝu por mi — ŝi diris al ili. — Dum la tempo, kiam mi vivis ankoraŭ, iun tagon kunigante miajn manojn por preĝi, ekpensis, ke ili estas belaj. Hodiaŭ mi elpagas tiun malbonan penson per turmentoj en la pekpurigejo. Konsentu, filinoj miaj, pri la adorinda boneco de dio, kaj preĝu por mi!" Troviĝas en tiuj maldikaj libroj pri teologio por la geknaboj miloj da tiuspecaj rakontoj, kiuj tro altvalorigas la ĉastecon, por ke samtempe la volupto ne fariĝu treege multkosta.

Konsiderante ilian belecon, la Eklezio faris el Aspazio, el Lais kaj el Kleopatro demonojn, estrinojn de l' infero. Kia gloro! Eĉ tio ne povus esti indiferenta al sanktulino. Virino plej modesta kaj severmora, kiu volas malkvietigi neniun viron, dezirus povi ĉiujn malkvietigi. Ŝia malhumileco akordiĝas kun la antaŭzorgoj, kiujn la Eklezio uzas kontraŭ ŝi. Kiam la kompatinda sankta Antonio krie riproĉas al ŝi: "Foriru, besto!", tia timego ŝin flatas. Ŝi estas ravita, esti pli danĝera ol ŝi estis konjektinta.

Sed ne flatu vin, fratinoj miaj; en la mondo vi ne aperis perfektaj kaj ornamitaj. Vi estis negravaj en via origino. Viaj praulinoj en la mamuta kaj grandursa tempo ne estis tiom potencaj kontraŭ la kavernaj ĉasistoj, kiom vi hodiaŭ estas kontraŭ ni. Tiutempe vi estis utilaj, vi estis bezonataj; vi ne estis nevenkeblaj. Verdire, en tiuj antikvaj tempoj, kaj ankoraŭ longe poste, mankis al vi allogeco. Tiam vi similis la virojn, kaj la viroj similis bestojn. Por fari el vi la teruran mirindaĵon, kiu nun vi estas, por iĝi la indiferenta kaj suverena kaŭzo de sinoferoj kaj krimoj, vi bezonis du aferojn: la civilizecon, kiu donis al vi vualojn, kaj la religion, kiu donis al ni skrupulojn. De tiam estas perfekte: vi estas sekretaĵo kaj vi estas pekilo. Oni revas

pri vi, kaj oni sin kondamnas al infero pro vi. Deziron kaj timon vi naskas; amfrenezo eniris la mondon. Ĝi estas nepra instinkto, kiu inklinigas vin al pieco. Vi pravege ŝatas kristanismon. Ĝi dekobligis vian potencon. Ĉu vi konas sanktan Hieronimon? En Romo kaj en Azio, vi tiel timigis lin, ke li forkuris de vi en malbelegan dezerton. Tie, nutrante sin per krudaj radikoj kaj tiel bruligita de la suno, ke li havis nur jam nigran haŭton algluitan sur la ostoj, li ankoraŭ vin retrovis. Lia izolejo estis plena je viaj bildoj, ankoraŭ pli belaj ol vi mem.

Ĉar estas vero tro spertita de la asketoj, ke la revoj, kiujn vi havigas, estas pli delogaj, se eble, ol la realaĵoj, kiujn vi povas prezenti. Hieronimo forpuŝis kun sama abomeno la memoron pri vi kaj vian ĉeeston. Sed vane li fordonis sin al fastadoj kaj preĝadoj; vi plenigis per iluzioj lian vivon, el kiu vin li estis forpelinta. Jen potenco de virino super sanktulo. Mi dubas, ke ĝi estas same forta super kutima vizitanto de la "Ruĝa Muelejo"[1]. Zorgu, ke iom da potenco via ne malaperu kun la kredo; atentu ne malgajni ion, ĉesante esti pekilo.

Sincere, mi ne kredas, ke la raciismo estas bona por vi. En via loko, mi ne multe ŝatus la fiziologiistojn, kiuj estas maldiskretaj, kiuj donas pri vi tro multe da klarigoj, kiuj diras, ke vi estas malsanaj, kiam ni kredas, ke vi estas inspiritaj, kaj kiuj nomas superegeco de la reflektaj movoj vian superbelan kapablecon por ami kaj suferi. Ne laŭ tia tono oni parolas pri vi en la "Ora Legendo": tie vin oni nomas blanka kolombo, ĉasta lilio, rozo de amo. Tio estas pli agrabla ol esti nomata histeria, halucinacia kaj katalepsia, kiel oni vin nomas ĉiutage, de kiam triumfis la scienco.

Fine, se mi estus en via situacio, mi malsimpatiegus ĉiujn emancipulojn, kiuj volas vin egaligi al la viroj. Ili malsuprenpuŝas vin. Bela afero por vi, egali al advokato aŭ farmaciisto! Atentu: jam vi perdis kelkajn partetojn el via mistero kaj el via delogpovo. Ĉio ne estas perdita: ankoraŭ oni interbatiĝas, oni senmoniĝas, oni sin memmortigas pro vi; sed la junuloj sidantaj en tramveturiloj lasas vin ekstere sur la plat-loko. La kulto por vi mortiĝas kun la malnovaj kultoj.

El "La Ĝardeno de Epikuro" trad. E. L.



[1]) Fama, kvazaŭa malĉastejo en Parizo.

Presejo: Uns-Produktivgenossenschaft, Leipzig (Germanio)